# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
13-a jaro N-ro 1 (48) aprilo 2014

- La estraro diskutis pri la projekto Ĝemelaj Urboj
- Vin bonvenigas Shenyang Ampleksa Ligita Zono
- Barbara Pietrzak funkcias por la projekto
- Agadoj de LA-respondeculoj
- La urbestro renkontiĝis kun oficistoj de UEA por la 101-a UK
- Historio, Esperanto-movado kaj ĝemelaj urboj de Bonaero

## Enhavo



Kovrilfoto: fotita en la 11-a aprilo 2014 en parko antaŭ la laborejo de la redaktoro.

### Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ino Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ĉefa respondeculino pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj Urboj
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang, komisiito de la projekto

### Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, s-ro Hassano Ntahonsigaye (ntahonsigayea@yahoo.fr) el Burundo kaj s-ro Hori Yasuo (Hori-zonto@water.sannet.ne.jp) el Japanio volonte kunlaboras kun la projekto.

### Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de

### Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Azio**

Mongolio
S-ro Chimedtseren Enkhee
Retadreso: enchjo@yahoo.com

Pakistano
S-ro Jawaid Eahsan
Retadreso: saluton123@yahoo.com

Vjetnamio
S-ro Nguyen Xuan Thu
Retadreso: autuno32@gmail.com

**Eŭropo**

Francio
s-ino Raymonde Coquisart
Retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr

Italio
S-ro Luigi Fraccaroli
Retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

Nederlando
S-ro Pieter Engwirda
Retadreso: pieter.engwirda@gmail.com

Svedio
s-ino Kaisa Hansen
Retadreso:kaihan@bredband.net

NOVAĴO

## La estraro diskutis pri la projekto



Inter la 28-an kaj 30-a de marto la estraro de UEA kunsidis kaj diskutis pri la projekto Ĝemelaj Urboj (ĜU). José Antonio Vergara partoprenis la kunsidon per Skajpa konekto. Flanke de TEJO partoprenis Veronika Poór; ILEI-prezidanto Mireille Grosjean ne povis veni, sed ĉeestis Skajpe la traktadon de Kapabligo. La estraro havas klaran sintenon kaj subtenon al ĝi. Tio estas, ke la estraro senĉese konsideras la projekton ĜU, kiel sian gravan agadkampon, kiu devus ricevi apartan antaŭenpuŝon. En la kunsido la estraro elmetis kvin prioritatajn taskojn al la projekto. Jen estas:

(1) Altigi la konscion kaj komprenon de la E-komunumoj pri la ĝemelurba fenomeno, kiel interkultura porpaca agado okazanta multloke kaj multlingve.

(2) Instigi la esperantistojn aliĝi al tiu agado per kontaktado de esperantistoj en la ĝemelaj urboj, ĝemelaj vilaĝoj pere de komunaj projektoj, interŝanĝoj, kiuj envolvas ankaŭ administrantojn de ĝemelaj urboj.

(3) Kadre de la lokaj, landaj kaj regionaj E-aranĝoj organizi trejnrenkontojn pri la organizado de komunaj ĝemelurbaj projektoj kaj interŝanĝoj; pri la starigado de ĝemelurbaj kontaktoj pere de Esperanto

(4) Utiligi konsilcele por evoluigo de la ĜU-agado tiajn eventojn dum la Universala Kongreso kiel Movada Foiro kaj kunsidoj de la Subkomitatoj: Konsciigo, Kapabligo, Komunumo.

(5) Krei apartan paĝon Ĝemelaj Urboj ĉe uea.org; Listigi en ĝi la ekzistantajn ĜU-urbajn kontaktojn pere de Esperanto kun la eblo aktualigi la liston; Disponigi spertojn el la ĝisnuna agado de Ĝemelaj Urboj en la formo de konkretaj ekzemploj de ligitaj (kaj funkciantaj) kontaktoj pere de Esperanto (ekzemple baze de Informilo pri Ĝemelaj Urboj).

El raporto de Barbara Pietrzak kaj n-ro 538 Gazetaraj Komunikoj

## Vin bonvenigas Shenyang Ampleksa Ligita Zono

Ekde la 30-a de oktobro 2012 Shenyang Ampleksa Ligita Zono de Ĉinio (SALZ) oficiale funkcias. Ĝi estas virtuala haveno lokita en enlando kaj estas etendo de la havenaj funkcioj. Ĝi enhavas ĉiujn preferajn politikojn de dogana speciala superrigarda regiono kiel ligita zono, eksporta prilabora zono kaj loĝistika centro. Nuntempe ĝi estas malferma speciala regiono kun la plej alta specifo, ĉiuj funkcioj kaj la plej favoraj politikoj en Ĉinio. La tuta plana areo estas 7.2 kvadrataj kilometroj, estas dividita en areojn A kaj B, kun C areo preparata por

konstruado.



La zono estas grava platformo kaj portanto de malferma ekonomia evoluo, estas apliko de la strategia plano por revivigo de la nordorienta malnova industria bazo, kaj estas antaŭenigo de Shenyang Ekonomia Zono (SEZ) kaj Liaoning Marborda Bendo. Kiel grava komponanto de la nacia nova reforma industriiga prova areo ĝi portos sur sin industrian translokiĝon, antaŭenigos transformiĝon kaj ĝisdatigon de industria strukturo kaj akcelos integriĝon en internacian dividon de laboro.

La zono allogos enlokiĝiĝon de grandaj prilaboraj kaj komercaj entreprenoj pri maŝinaro kaj ekipaĵoj, elektronika informo, aŭtoj kaj pecoj, kaj de loĝistikaj entreprenoj pri novaj materialoj, tenejigo kaj distribuado. Ĝi evoluigos modernajn servajn ĉenojn kaj akcelos optimumigon kaj evoluon de apogantaj regionoj ekster ĝi. Ĝi evoluigos prilaboron kaj komercadon kun altnivelaj kaj novaj scienc-teknikoj kaj altaj aldonaj valoroj orientitaj en elektronika informo, altnivela fabirkado kaj novaj materialoj.

La zono konstruos platformojn por ekspoziciado de la ligaj varoj kaj translanda elektronika-negocado depende de superecoj de aro da altaj kaj novaj teknikoj kaj de regiono proksima al Shenyang Taoxian Internacia Flughaveno. Ĝi konstruos platformojn por importo de aŭtoj, trejna bazo de pilotoj kaj tenejo de liga aernaviga oleo.

SEZ estas Nacia Sinteza Reforma Prova Distrikto de Novtipa Industriigo aprobita de la Ŝtata Konsilantaro, ĝi enhavas ok urbojn, t.e. Shenyang, Anshan, Fushun, Benxi, Yingkou, Liaoyang, Tieling kaj Fuxin. En Shenyang, ĉefurbo de la provinco Liaoning, troviĝas konsultejoj de Francio, Japanio, Norda Koreio, Suda Koreio, Rusio kaj Usono. SALZ fariĝos nova motoro de transformiĝo de industrioj en SKZ kaj fariĝos apoga sistemo de entreprenoj por internacia komerco kaj moderna altnivela fabrikado. Ĝi finfine konstruiĝos kiel libera komerca zono surbaze de internacia enlanda haveno.



En 2013 ni kaj Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA) kelkfoje kunsidis kaj diskutis pri Esperanto-apliko, kaj decidis ke SALZ per Esperanto starigas patnerajn rilatojn kun eksterlandaj Ligitaj Zonoj, antaŭpuŝas kaj akcelas ĝemeliĝon de urboj en la ekonomia zono kun eksterlandaj urboj. Jam komenciĝas kunlaboro inter ni kaj LEA, inter ni kaj Esperanto. Ni sincere bonvenigas eksterlandajn sagaculojn viziti kaj investi SALZ kaj kune krei la belan estontecon

Liu Lanbo
Direktoro de Shenyang Ampleksa Ligita Zono

## La komisiito parolas

Kunlaboro kun SALZ estas unu el du gravaj projektoj (aplika projekto kaj eduka projekto) ellaborita de LEA en 2013 konforme kaj reage al la nova strategia plano de UEA. Post kelkaj monatoj da streĉa kaj altefika laborado kiel partoprenanto mi vidas diligentan laboron de samideanoj de LEA, ili verkis diversajn dokumentojn, vizitis koncernajn departementojn, ili forlasis ripozon en sabato kaj dimanĉo, eĉ en la Printempa Festo, ili ĵetis sin en la du projektojn. Kiel partoprenanto mi ankaŭ vidas dumajn rezultojn, ekfunkcias la kunlaboro, LEA respondecas pri ekstera kontakto, SALZ respondecas pri komunikado inter la registaroj, kaj kune praktikas la konkretan planon. S-ro Liu Lanbo, direktoro de SALZ, speciale verkis la supran tekston. La eduka projekto estas sendita al la Ministerio de Eduko de Ĉinio kaj atendas la finan aprobon. Kontaktu min se vi interesiĝus pri la aplika projekto - la kunlaboro inter SALZ kaj LEA.

## Barbara Pietrzak funkcias por la projekto

Kiel oni scias la nuna estraro de UEA organizas sian laboron laŭ tri ME-subteamoj, nome Mastruma Evoluo, Monda Evoluo kaj Movada Evoluo. La projekto Ĝemelaj Urboj listiĝas en la subteamo Monda Evoluo kun la laboroj Unesko kaj UN/Unesko. Laŭ mesaĝo de la prezidanto Mark Fettes en la 31-a de januaro 2014, s-ino Barbara Pietrzak, estraranino de la Asocio, akceptis la ĉefan respondecon pri la ĝemelurba agado en la subteamo. S-ro Stefano Keller daŭras sian funkcion ankoraŭ en la projekto.

## Nova vic-ĝenerala sekretario substrekis la laboron de ĝemelaj urboj

Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL) faris intervjuon al s-ro Zhang Changsheng, nove elektita kiel vic-ĝenerala sekretario de la Ligo, kaj aperigis en n-ro 1-2 Informilo de ĈEL. Responde al la trajto de la loka Esperanto-movado, s-ro Zhang, ankaŭ prezidanto de la Changzhou-a Esperanto-Asocio (ĈEA), unue substrekis la rolon de Esperanto en la ĝemelurba agado. Li diris, ke ĈEA kaj la Esperanto-Societo de Takatuki en Japanio helpis la urbajn magistratojn kontrakti la unuan ĝemelan rilaton inter la du urboj. Ankaŭ en la samaj numeroj aperis la vizito de esperantistoj el Takatuki al Changzhou por la 8-a Ĉina Flora Ekspozicio invitite de la urba registaro kaj ĈEA.

## Taskoj por respondeculoj de landaj asocioj pri ĝemelaj urboj

Laŭ la celoj de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj la laborplano de la projekto aperita en 2011 mi provskribas taskojn por respondeculoj de landaj asocioj pri ĝemelaj urboj responde al propono el esperantistoj.

(1) tutkore subteni la laborojn de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj de la teamo de Monda Evoluo sub la estraro de UEA, kiu listigis ĝemelajn urbojn en si.

(2) entuziasme servi al sia landa asocio kaj per efikaj agadoj progresigi ĝiajn laborojn, ekz. proponi kaj organizi kunsidon en propra landa kongreso, oferti eblan helpon al interŝanĝo inter ĝemelaj urboj, ĝemeliĝo inter urboj kaj inter aliaj instancoj kaj tiel plu.

(3) pene fosi kanalojn por kunlabori kun neesperantaj organizaĵoj de sia lando, kiuj havas samajn celojn, kaj regule sendi al ili raporton pri Esperanto en agado de ĝemelaj urboj se eble, per kio la diversaj registaroj (landaj kaj lokaj) pli bone sciu la valoron kaj rolon de Esperanto.

(4) ĉiurimede instigi lokajn organizaĵojn starigi siajn funkciulojn pri ĝemelaj urboj kaj tiucele krei efikan laborreton kiel eble plej rapide.

(5) atente kolekti priajn informojn kaj proponi al sia landa asocio starigi specialan rubrikon en siaj gazeto kaj retejo.

La komisiito

## Laborplano de la projekto por 2014

En 2014 la projekto sufiĉe konsideros la prioritatojn difinitajn de la Estraro de UEA kaj direktos ilin al la konkretaj laboroj:

(1) daŭre instigi LA serĉi respondeculon pri Ĝemelaj Urboj.

(2) daŭre okazigi la kunvenon de Ĝemelaj Urboj dum la 99-a UK kaj partopreni en la movada foiro, kaj se eble, organizi etan ekspozicion pri ĝemelaj urboj de la kongresurbo kaj kunsidon de LA-respondeculoj.

(3) kompletigi la strukturon de la projekto, precipe pri serĉo kaj elekto de kandidatoj por la laborgrupo en Ameriko, Araba Mondo kaj Oceanio.

(4) instigi lokajn organizaĵojn enkonduki la programon Ĝemelaj Urboj en siaj laboroj

(5) fondi altefikan laborreton por la projekto.

(6) aldoni la projekton al la nova retejo de UEA.

(7) eldoni kolekton de la unuaj 50 numeroj de Informilo de Ĝemelaj Urboj se eble.

## Agadoj de LA-respondeculoj

Reage al la laborplano de la projekto kaj la strategia laborplano de UEA niaj respondeculoj de landaj asocioj pri ĝemelaj urboj pene laboras, iliaj agadoj diskonigos kaj akcelos la projekton.

### Francio

S-ino Raymonde Coquisart klopodos iamaniere aludi pri ĝemelaj urboj en la Franca Kongreso de Esperanto okazonta en la fino de majo en Chambéry, ankaŭ jam havas planon por aperigi informojn en la revuo de LA kaj sur la retejo. Ŝi jam ricevis informpetojn de grupoj aŭ individuoj, kiuj deziras helpon aŭ konsilojn pri ĝemelaj urboj.

### Italio

En 2013 s-ro Luigi Fraccaroli en la nomo de Breŝa Esperanto-Grupo profesinivele produktis belajn E-bildkartojn pri la loĝa urbo, ĝis nun ilin sendis al la E-grupoj de (jam kaj eble ontaj) ĝemelaj urboj, al ĉiuj E-grupoj en Italio, al la urbestro kaj ĝemelrilataj skabenoj.

### Nederlando

Oni povas legi kelkajn enhavojn pri ĝemelaj urboj en la retejo de UEA: http://uea.org/vikio/index.php/%C4%9Cemelaj_Urboj danke al s-ro Pieter Engwirda. Li atendas plenigon kaj kompletigon de esperantistoj al ĝi.

# URBESTRO KAJ ESPERANTO

## Vic-urbestro faris la paroladon en la afrika kongreso



Inter la 29-a de decembro 2013 kaj la 4-a de januaro 2014 la 5-a Afrika Kongreso de Esperanto okazis en la benina urbo Kotonuo, kun 32 partoprenintoj el 11 landoj, inkluzive de Sud-Afriko, Burundo, Kamerunio, Benino, Togolando, Niĝerlando, Ebura Bordo, Senegalo, Svedio, Svislando kaj Haitio.

La vic-urbestro s-ro Augustin Houessinon partoprenis la solenan ferman ceremonion kaj faris paroladon. En ĝi li diris: "Vi uzis la internacian lingvon Esperanto en viaj aktivecoj, vi konas tiun komunikadsituacion. Estas dezirinde, ke la internaciaj establoj interesiĝu pri tiu lingvo, kies uzo ebligus enorman ŝparadon ĉe tiuj institucioj, kie la tradukado kaj interpretado peze aperas en la buĝetoj".

El n-ro 10 KOTONA GAZETO kaj n-ro 2 Esperanto, 2014

## La urbestro enmanigis honorinsignon al esperantisto



La 10-an de marto 2014 la urbestro de Kaŭno (litove: Kaunas) Andrius Kupĉinskas en la Kaŭna Urbodomo enmanigis honorinsignojn al kelkaj kaŭnanoj por ilia eksterordinare persista kaj konscienca laboro, socia agado kaj meritoj al la urbo.

Inter la honoritoj estas la prezidanto de Litova Esperanto-Asocio, Povilas Jegorovas, kiu ricevis la honorinsignon Santaka de la tria grado. La oficiala teksto diras, ke Povilas Jegorovas estas honorita pro tio, ke li "per sia solida intelekto signife kontribuis al popularigo de Esperanto en Litovio kaj al konigo de Kaŭno en la monda komunumo esperantista". Sur la foto, maldekstre: Andrius Kupĉinskas kaj dekstre: Povilas Jegorovas.

El http://sezonoj.ru

## La urbestro renkontiĝis kun oficistoj de UEA por la 101-a UK

Inter la 23-a kaj la 25-a de marto Slovakion vizitis delegacio de la Centra Oficejo de UEA – ĝenerala direktoro Osmo Buller kaj Konstanta Kongresa Sekretario (KKS) Clay Magalhães. Ili venis por esplori la eblojn okazigi la 101-an Universalan Kongreson de Esperanto (UK) en 2016 en la slovakia urbo Nitra. La delegacion de Roterdamo akompanis Ján Vajs kaj Peter Baláž; parte ĉeestis ankaŭ Evka Fitzelová, Michal Matúšov kaj Dorota Rodzianko.

Renkontiĝante kun la oficistoj de UEA la urbestro de Nitra, Jozef Dvonč, esprimis sian apogon por okazigi la kongreson ĝuste en la plej malnova slovaka urbo, kaj promesis helpon pri la okazigo de UK. Sur la foto, de maldekstre: Peter Baláž, Osmo Buller, Clay Magalhães,

Dorota Rodzianko, kaj la urbestro Jozef Dvonč.



El http://sezonoj.ru

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Bonaero, kongresurbo de la 99-a UK

#### Urba historio



Bonaero estas la ĉefurbo de Argentino, kun 3050728 loĝantoj kaj 203 kvadrataj kilometroj, ankaŭ unu el la gravaj havenoj de Atlantiko. La nuna urbestro estas Mauricio Macri.

Bonaero estas urbo kun longa historio. En 1516 la hispana maristo Juan Díaz de Solís unue malkovris la lokon kie ĝi situas.En 1536 la hispana esploristo Pedro de Mendoza unue fondis urbon kaj nomis ĝin Nuestra Señora del Buen Ayre (Nia Sinjorino de la Bona Aero). En 1541 la loko estis finfine abandonita kaj eĉ detruita de la propraj hispanoj pro malsatego kaj konfliktoj kun la kerandioj. En 1580 la urbo estis refondita.

Bonaero estas la plej granda ekonomia centro de Argentino. La industrioj ĉefe konsistas el manĝaĵoj, ledo, aŭto, ŝipofabriko, mekaniko, kemio, presado ktp, i.a. manĝaĵo kaj ledo estas tradiciaj industrioj.

Bonaero estas kultura kaj eduka centro. Tie troviĝas pli ol 40 universitatoj, la plej fama estas Universitato de Bonaero fondita en 1921. Placo, strata parko kaj monumento estas karakterizoj de la urbaj vidindaĵoj. i.a. Placo de Majo (vidu la foton) ne nur estas la historia atestanto de la evoluo de la urbo, sed loko memora al la sendependiĝo de la Argentina Respubliko kaj simbolo de la lando. Oni vidas kulturan miniaturon de la lando ankaŭ per la Agentina Tango naskiĝinta en la haveno de Bonaero.

#### Esperanto-movado

Ĝis 2014 la Esperanto-movado en Bonaero havas historion de 125 jaroj. En 1889, du jarojn

post la apero de la Unua Libro, pola rifuĝinto alportis Esperanton al Bonaero. La unua Bonaera Esperanto-Asocio estis fondita de iu eŭropa komercisto en 1906. Kelkaj famuloj donis grandan atenton kaj influon al la tiea movado. En 1930 Eŭgeno Lanti (Eŭgeno Adamo), franca esperantisto kaj fondinto de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), alvenis al Bonaero pro tio, ke tie estis granda rondo de SAT-anoj. En la sama jaro Tibor Sekelj ankaŭ alvenis al Bonaero kaj tie konatiĝis kaj edziĝis kun la argentina esperantistino Meria Reznik. Lia alveno alportis la tiean movadon en Tibor-eraon, la unua landa kongreso, la unua manlibro pri la vivo de Zamenhof, fondo de la landa asocio kaj tiel plu, ne nur la urba movado, sed la lando multon ŝuldis al li. Fakte plifrue la majstro Zamenhof mem revis pri Argentino, kie situas la urbo, kiel taŭga lando por enmigrontaj judoj kaj por Esperanto.

Tie ne mankas internaciaj Esperanto-okazintaĵoj, unu el la sukcesaj ekzemploj estas la 2-a Tutamerika Kongreso de Esperanto prezidita de la tiama prezidanto de UEA d-ro Humphrey Tonkin. Ankaŭ ne mankas la nuntempaj famuloj, ekz. d-ro Rubén Feldman González kaj Ergoto de Bonaero (Adá Hrynkiewicz). La 99-a UK okazos inter la 26-a de julio kaj la 2-a de aŭgusto, 2014. Tieaj popoloj bonvenigos ĉiun partoprenanton per tango-pasio.

### Ĝemelaj urboj

Bonaero havas pli ol 50 ĝemelajn urbojn en pli ol 30 landoj, ekz. Mumbajo en Barato, La-Pazo en Bolivio, Braziljo, Porto-Alegro, Rio-de-Ĵanejro kaj San-Paŭlo en Brazilo, Santiago en Ĉilio, Pekino en Ĉinio, Prago kaj Most en Ĉeĥio, Sankta Domingo en Dominika Respubliko, Kito en Ekvadoro, Kairo en Egiptio, Tuluzo en Francio, Berlino en Germanio, Almería, Barcelona, Bilbao, Cadiz, Guadix, Madrido, Oviedo, Salamanca, Santiago de Compostela, Sevilo kaj Vigo en Hispanio, Jerusalemo kaj Tel-Avivo en Israelo, Kaljaro, Ĝenovo, Luko, Milano, Napolo kaj Romo en Italio, Osako en Japanio, Otavo en Kanado, Bogoto kaj Medellín en Kolombio, Seoulo en Sud-Koreio, Zagrebo en Kroatio, Bejruto en Libano, Meksikurbo en Meksiko, Roterdamo en Nederlando, Asunciono en Paragvajo, Limo en Peruo, Varsovio en Pollando, Lisbono en Portugalio, Moskvo en Rusio, Beogrado en Serbio, Ĝenevo en Svislando, Damasko en Sirio, Bankoko en Tajlando, Istanbulo en Turkio, Kievo en Ukrainio, Londono en Anglio, Miamo, Nov-Ĵerzejo kaj Ohio en Usono, Montevideo en Urugvajo. Inter ili estas nemalmultaj esperantistoj kaj delegitoj de UEA. En la pasinta 98-a UK oni proponis okazigi ekspozicion de ĝemelaj urboj.

El Vikipedio kaj n-ro 12 Esperanto, 2013

## SERVA PLATFORMO

S-ro Gilbert Simiyu Sikala volas interrilatigi kelkajn urbojn de Kenjo al aliaj landoj, t.e. Bungoma al Hongkong de Ĉinio, Kimilili al Japanio, Webuye kaj Kopsiro al Germanio, ĉar spertoj kaj teknikoj mankas al tieaj bienoj. Aliflanke tio fortigos la Esperanto-movadon en Kenjo. Se vi interesiĝas pri tiu ideo, vi kontaktas lin pere de la adreso: P.O. Box 236, 50202 Chwele, Kenya, kaj la retadreso: simiyugilbert@yahoo.com